1ª Jaro — Nº 21 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 25 Oktobro 1931

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

## Papa alvoko



Denove la Papo laŭtigis sian voĉon, en encikliko al la tuta katolikaro, por ke la kristanoj ne forgesu, ke ili estas antaŭ ĉio, granda familio, en kiu la malfeliĉoj de unuj samtempe trafas la aliajn.

Lia Papa Moŝto Pio XI-a parolas unue pri la financa krizo tiel grava, ke ĝi kaŭzas la senlaborecon de multaj homoj kaj ilin jetas en mizeran abismon. La venanta vintro pli kruele sin sentigos al la malfeliĉuloj, kiuj havos nek panon, nek varmigilojn. Kaj inter ĉi tiuj malfeliĉuloj estas infanoj senpekaj. Tial la Papo alvokas ĉiujn kristanojn al helpo ĉiuspeca por forigi kiel eble la malbonajn efikojn de la nuntempa krizo. Devas la bienposedantoj doni al la malriĉuloj la necesajojn por la vivo. Tio estas kristana devo, kiun ili ĉiuj certe plenumos, eĉ se tio postulas oferojn de ilia flanko.

Se la korpo bezonas panon por vivelteni, la animo postulas ankaŭ vivrimedojn. Inter tiuj estas bonmora kaj enkuraĝiga legado. Kaj meze de la katolikaj esperantistoj estas multaj senlaboruloj — precipe en Germanujo — kiuj devas bedaŭrinde rezigni la abonon al nia gazeto, tamen de ili tre ŝatata kaj dezirata. Tial ni petas niajn pliriĉajn legantojn aldoni al ilia abonkotizo mondonacon, por ke ni povu daŭrigi la akuratan sendadon de nia katolika gazeto al la malriĉuloj inter ni. Ĝi certe havigos al ili konsolon kaj refortigon, ĉar ĉiu ricevo de la gazeto estos samtempe amopruvo.

La Papo poste montras la neprecon, haltigi la badaŭrindan konkuradon pri armiloj, kiu denove ekkaptas Eŭropon kaj la tutan mondon. Tiu armiga febro estas danĝera por la paco. Ĝi unue postulas multe da mono kaj sekve ĵetas la popolojn en mizero, ĉar tiu mono povus esti pli bone uzata. Ĝi ankaŭ metas la homojn en tia spiritstato, ke ili fine deziras batali unuj kontraŭ la aliaj. La katolikoj devas ĉiuforte kontraŭstari la armadon kaj energie labori por la paco inter la popoloj.

Niaj legantoj plezure konstatos, kiom forte ni laboras, pere de *Katolika Vivo,* por plenumi la deziron de la Papo tiucele. Niaj amikoj pripensu ĉiam pliprofunde tiun veron, denove proklamatan de la Papo, ke ĉiuj ni estas anoj de unu sama granda familio, kies Patro estas en la ĉielo. Kaj forgesu ni ĉion, kio povos disigi nin, por pensi nur pri kio povas kaj devas nin unuigi: la kristana amo.

GEORGES RAMBOUX, *presbitero.*

*Partoprenu vi en la varb-konkurso*

## Familia Libreto

**NASKIĜOJ**

**Al Gesinjoroj H. Damen-Ter Burg, en 's-Hertogenbosch, Nederlando, naskiĝis, la 27 septembro, filo, kies nomo estas André. Niajn amikajn gratulojn al la gepatroj kaj niajn tutkorajn bondezirojn al la etulo.**

## La Germanaj Katolikoj volas la Pacon!

*Antaŭ kelkaj monatoj francaj katolikoj publikigis kuraĝan alvokon por la paco, kiun 14 gravaj asocioj katolikaj subskribis kaj kiu ankaŭ en* Katolika Vivo *estas represita (nº 9, 26 aprilo 1931). La germanaj katolikoj eldonis respondon al tiu paca alvoko, inter kies ĉefaj iniciatintoj estis la episkopo de Berlin kaj kiun preparis la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj, kies membro tiu episkopo estas. La alvoko portas ĝis nun la subskribon de 26 katolikaj asocioj, inter kiuj kelkaj estas treege gravaj. Jen la teksto de la alvoko :*

Kun sincera ĝojo kaj dankemo ni germanaj katolikoj akceptis la pacan alvokon de francaj katolikoj subskribitan de multaj asocioj. Tiu alvoko atentigas, ke ni katolikoj malgraŭ nacia kaj ŝtata malsameco formas unu solan familion. Fakte estas rekonite en la tuta mondo, ke en la spirita kaj organiza unueco de la Katolika Eklezio ekzistas grandaj eblecoj por komuna agado. Sed same klare estas, ke multaj katolikoj en la praktika vivo estas tro malmulte konsciaj pri tiu komuneco kaj ne kompletigas la unuecon en la kredo per sama forta unueco en la amo. Kaj tamen la kredo sen la amo estas morta; nur tiam ni estas veraj disĉiploj de nia Majstro kaj vivantaj membroj de nia sankta Eklezio, se ni, kiel admonas la Apostolo, « gardas la unuecon de la spirito per la ligilo de la paco » (Ef. 4, 3).

Tiu pacemo ne devas kontentiĝi pri vortoj kaj deziroj. Ĝi devas fariĝi agado kaj labori por la solvo de konkretaj taskoj, por la evito de la milito kaj la starigo de vera paco. Tial ni salutas kun speciala kontenteco la alvokon de niaj francaj samkredanoj, kiu metas en la centron de la paclaboro farota la nuntempe plej gravan postulon de la internacia vivo: *la postulon de la malarmado.* Prave oni atentigas pri la terura danĝero de nova milito, danĝero, kiu per militarmigoj ne estas malpligrandigata, sed pligrandigata. Kiel Germanoj ni ĝojas speciale, ke la paca alvoko de la katolikaj organizajoj de Francujo per la vortoj de Benedikto XV-a akcentas la necesecon de « samtempa kaj reciproka » malarmado. Nur se tiu postulo estas plenumata de ĉiuj ŝtatoj de la tero kaj la malarmado ne estas nur postulata de kelkaj nacioj solaj, oni povas paroli pri tiu justeco kaj egalrajteco, kiu hodiaŭ estas postulata kiel bazo de la internacia vivo, kaj nur tiam ni germanaj katolikoj povas sukcese labori, por ke nia popolo kontentiĝu pri la malarmado devigita al ĝi kaj estu preta al konfidoplena kunlaborado kun la same malarmitaj najbaraj ŝtatoj.

Ankaŭ nia opinio estas, ke « la problemo de la malarmado devas ĉiam esti interligita kun tiu de la sekureco kaj arbitracio ». Sed kiel antaŭ nelonge episkopo D-ro Schreiber de Berlin en parolado en la Germana-Franca Societo diris, estus materialista kaj ne kristana ideo, se oni volus vidi tiun sekurecon precipe en materiaj defendiloj. Se fortikajoj, armiloj kaj armeoj vere estus garantio de paco, tiam nek la milito de 1914 nek iu antaŭa milito estus povinta eksplodi, ĉar la nacioj tiam tute ne havis mankon de tiaj materiaj kaj militaj preparoj. Do estas necese, fine rezigni je tiuj instrumentoj de la sekureco, kiuj pruviĝis malbonaj, kaj sekvi la direktivojn de Benedikto XV-a: « La materia forto de la armiloj devas esti anstataŭata per la spirita forto de la juro. »

Se ni realigas tiajn principojn kaj postulas ilian realigon de niaj politikistoj, ni servas same la ŝtatajn kaj kulturajn interesojn kiel la ekleziajn kaj religiajn, alie ni antaŭeniras al katastrofo, kiu superos ĉiujn antaŭajn kaj preparos en Dia juĝo tre justa la pereon de niaj nacioj.

Al ni kristanoj estu donata la favoro, kiel la « salo de la tero » kaj la « lumo de la mondo » eviti tiun sortON kaj en la forto de la Sankta-Spirito renovigi la vizaĝon de la tero!

Je la tago de la komenco de la Granda Milito, la 1 aŭgusto 1931.

PACA LIGO DE GERMANAJ KATOLIKOJ.

*Popola Unuiĝo por la Katolika Germanujo* (Volksverein),
*Katolika Lerneja Organizajo de Germanujo,*
*Germana Karitata Asocio* (Caritasverband),
*Centra Oficejo de Katolikaj Socialaj Unuiĝoj en München,*
*Katolikaj Laboristaj Unuiĝoj de Okcidenta Germanujo,*
*Asocio de la Katolikaj Oficistaj Unuiĝoj de Germanujo,*
*Asocio de la Katolikaj Laboristaj Unuiĝoj de Orienta Germanujo,*
*Asocio de Katolikaj Komercistaj Unuiĝoj de Germanujo,*
*Asocio de Katolikaj Metimajstraj Unuiĝoj de Germanujo,*
*Centra Kleriga Komitato de la Katolikaj Asocioj de Germanujo,*
*Katolika Instruista Asocio de Germanujo,*
*Unuiĝo de Katolikaj Germanaj Instruistoj,*
*Katolika Junmetiista Unuiĝo* (Gesellenverein),
*Mondjunularo Katolika (MOKA), Germana Landa Asocio,*
*Katolika Alkoholabstinenta Junularo* (Jungborn),
*Ligo de Junaj Katolikaj Instruistinoj,*
*Katolika Juninstruista Ligo de Germanujo,*
*Katolika Juninstruista Ligo en Bavarujo,*
*Asocio de Katolikaj Novstudentaj Unuiĝoj* (Hochland),
*Jun-Kruc-Ligo* (Jungkreuzbund),
*Regna kaj Hejmlanda Ligo de Germanaj Katolikoj* (Reichs- und Heimatbund),
*Krucligo, Unuiĝo de Alkoholabstinentaj Katolikoj* (federalista),
*Ligo de Abstinentaj Edukistoj,*
*Ligo de Abstinentaj Pastroj,*
*Ligo por Kontraŭbatali la Publikan Malmoralecon* (Volkswartbund).

**Ni jam diris**
**ni denove diras**
**kaj rediras**
ke nia nuna adreso estas:
KATOLIKA VIVO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI

*LA OKAZINTAĴOJ EN HISPANUJO*

### La eksiĝo de Kardinalo Segura y Saenz

Msro Tedeschini, papa nuncio en Madrid, sendis, la 30 septembro, jenan leteron al la ĉefepiskopa kurio de Toledo:

« Lia Kardinala Moŝto, ŝtata sekretario de Lia Sankteco, jus telegrafis al mi, por ke tuj



KARDINALO SEGURA Y SAENZ

mi komuniku al vi, ke Lia Kardinala Moŝto Segura, imitante la ekzemplon de sankta Gregorio Nacianzena, per nobla kaj laŭdinda ago, kies meriton li sole havas, rezignis la ĉefepiskopan seĝon de Toledo.

« Pro tio mi petas la ekscelencan ĉefepiskopan kurion de Toledo, senprokraste procedi, laŭ kanonaj reguloj, je elekto de vikario. »

Kardinalo Segura, kiu estis elpelita el Hispanujo de la respublika registaro, rifuĝis en Francujon, kie la malama persekutado de la revoluciuloj provis ankoraŭ persekuti lin. Oni diplomatie postulis de la franca registaro, por ke tiu ĉi ordonu al Kardinalo Segura foriri tute malproksime de la hispana landlimo, ĉar lia loĝado ĉe la landlimo povus esti danĝera por la sekureco de la hispana respubliko (?). Kompreneble, la franca registaro ne konsentis, ĉar Francujo estas kutime paca rifuĝejo por ĉiuj ekzilitoj. Sed Kardinalo Segura komprenis, ke neniam estos permesate al li reeniri Hispanujon. Sekve li decidis rezigni la ĉefepiskopan seĝon de Toledo. Jen la unua viktimo de la nova reĝimo. Dio donu, ke li estu ankaŭ la lasta, kaj ke Hispanujo komprenu, ke la kontraŭreligia persekutado estas ne plu moderna.

La ĉefepiskopa kurio de Toledo elektis, kiel administra vikario de la eparĥio, Msron Rocha Pizarro.

#### Papa mesaĝo

**Sekve de la kontraŭreligiaj voĉdonoj de la konstitucia deputataro, Pio XI-a sendis al la hispana popolo mesaĝon, por esprimi sian ĉagrenon, protesti kontraŭ la ofendoj faritaj al la Eklezi-rajtoj kaj peti preĝon por la persekutitoj.**

## La lastaj solenoj de la 70-a Germana Katolika Kongreso en Nürnberg

Se ĉe la Solena Diservo antaŭtagmeze — vidante la Sanktan Oferon — estis sankta seriozeco, posttagmeze la ĝojo trabatis al si la vojon. La enmarŝado de la junularo en la arenegon havigis ĝojecon kaj entuziasmon al ĉiuj, kiuj povis ĝin rigardi kaj partopreni. En preskaŭ senfinaj vicoj la 20.000 enmarŝis kun flirtaĵtaj flagoj kaj flagrubandoj kaj standardoj tra la pordo, fortike organizitaj, multoble kun siaj prezidantoj akompanantaj, unue la vira kaj poste la virina junularo. Jam la rigardo de la kolorgaja, junec-freŝa bildo kaj la entuziasmo de tiu ĉi katolika junularo kaptis ankaŭ la plenkreskulojn. El de la tribunoj senĉese flirtis la blankaj poŝtukoj kaj senĉese sonis ĝoja manklakado kaj aplaŭdego. Kaj kun kia entuziasmo ĉi tiuj junaj viroj kaj knabinoj pretermarŝante ĝojkriis al siaj gvidistoj, al la episkopoj kaj presbiteroj sur la tribuno! En ĉi tiu momento ili ĉiuj sentis kaj laŭte konfesis: tio estas niaj kompetentaj gvidistoj; ĉi tiuj montras al ni la laŭordan vojon, la vojon al la tera kaj eterna feliĉo; al ili ni konservu la nerompeblan fidelecon! Ĉi tiu junularo ankaŭ plenumos, kion ĝi promesis per siaj riprezentantoj. Ĝi estos Kristo-junularo kaj ĝi volas Kriston fari Sinjoro de la nova tempo. Pro tio, katolika Germanlando, havu kuraĝon kaj fidon! Ankoraŭ ekzistas kernkatolika junularo en viaj pejzaĝoj!

Tuj post la junulara manifestado sekvis la fermo-kunveno de la Katolika Kongreso. Post kiam prezidanto Joos estis laŭtleginta la dank- kaj gratul-telegramon de la Sankta Patro, la elokvanta ĉefurbestro de Regensburg, D-ro Hipp, iris al la estrado kaj parolis pri « La kristano en la socialaj bezonoj de la nuntempo ». Li antaŭenigis la laborist-enciklikon de Leono XIII-a kaj la lastan enciklikon de Pio XI-a pri la sociala problemo kaj tiam li montris en emocia klareco, kiamaniere la hodiaŭa mizero devis estiĝi, ĉar la homoj la justecon kaj amon al proksimulo malatentis, ĉar ili volis konstrui mondon sen Dio. Sed sen Dio ne estas prosperiga kunvivo de la homoj reciproke; sen Dio ekregas batalo de ĉiuj kontraŭ ĉiuj. El la nuna mizero ne povas nin eligi iu hompotenco, sed nur la reĝeco de Kristo estas la potenco, kiu sola kapablas, doni al la homaro feliĉon kaj bonstaton, ripozon kaj pacon, surteran kaj eternan savon. — Poste ankoraŭfoje la prezidanto de l' Katolika Kongreso kaj post li la eparĥia episkopo suriris la tribunon kaj dediĉis al la 70-a Katolika Kongreso adiaŭajn vortojn. Por la venontaj tempoj ili aŭdigis la signalvortojn: Sankta Elizabeto akompanu nin tra la tuta Germana lando; ŝi iru tra la lando en ni mem, dum laŭ ŝia modelo ni vidas la mizeron de la homoj kaj ni mem donas oferojn por povi helpi. La spirito de sankta Elizabeto regu en ĉiuj urboj kaj vilaĝoj, en komercoj kaj bankoj, en fabrikejoj kaj laborejoj, en konsilĉambroj de la ekonomiistoj kaj politikistoj, por ke ĉie regu la kredo, la espero kaj la karitato. Ankoraŭfoje sonis la saluto « Laŭdata estu Jesu-Kristo » super la homamaso, la saluto, kiu inaŭguris la tutan Kongreson kaj ĉiun grandan kunvenon malfermis kaj finis, poste ankoraŭfoje potenca « Granda Dio, ni laŭdas Vin », kiu denove per radio en ĉiuj Germanaj landoj estas aŭdita, kaj la Katolika Kongreso finiĝis. — Sed plusonoru la grandaj pensoj kaj postuloj, kiujn proklamis ĉi tiu brila Katolika Kongreso. Plusonoru en la animoj la « Laŭdata estu Jesu-Kristo » de la Katolika Kongreso, memorigante ĉiun unuopulon, ke Kristo devas esti la centro de l' tuta vivo; memorigante la tutan popolon, ke ĉiuj devas sin kolekti ĉirkaŭ Kristo fidele al Liaj ordonoj, por denove trovi feliĉon kaj pacon. Plusonoru la grandaj postuloj de la delegita kunveno: « La detrupolitiko de la bolŝevismo devas esti energie kontraŭbatalata. Ekonomiaj kaj politikaj indulgoj tute ne devas doni liberan vojon al la laŭplana kavigo de nia popolo. Kontraŭ la liberpensula kaj sendiula movadoj la en la regna konstitucio ateste garantiita privilegio de la kristana religio per ĉiuj leĝaj rimedoj estas defendata. La batalo kontraŭ la publika malmoraleco postulas de ĉiuj samreligianoj respondkonscian pledon por la energia aplikado de la valida leĝoj. Antaŭ ĉio la junularo devas esti ŝirmata kontraŭ allogo al la seksa senbrideco ». Plusonoru en la tuta lando la admono al la helpema karitato al la proksimulo, karitato, kiu insiste estis proklamata de la prezidento de la Germana Karitato-ligo. La tuta popolo estu ekprenata de la konscio, ke en nuna tempo ĉiu ajn devas preni sur sin malabundaĵojn kaj oferojn, ke en la nuna mizero estas devo, rezigni agrablaĵojn kaj utilaĵojn kaj regali la ŝparitaĵon al la milionoj da malsatantaj gefratoj. Konfidon kaj firman esperon en la tuta popolo disvastigu la vorto de la prezidanto de Germana Karitato-ligo: « Ni ne havas kaŭzon senkuraĝiĝi, se vera fratamo estas viva en ĉiuj samnacianoj, se nia vintrolaboro estos karitatlaboro. » Ĉie do estu la devizo: « Returnen al la oferema kristana amo al proksimulo! »

La Katolika Kongreso efektivigis ĉi tiun devizon. Tuj la sekvantan lundon — sankta Elizabeto en homformo trairis la stratojn de Nürnberg, por alporti helpon al afliktuloj. Ĉirkaŭe 2.000 malriĉuloj de la urbo ricevis manĝaĵojn per la donacoj, kiuj estis kolektitaj ĉe la Solena Diservo. Ankaŭ la hejmlando de sankta Elizabeto volis kunhelpi al ĉi tiu agapo: la riprezentanto de Hungarujo, ministro-prezidanto Huszar, en sia saluto al la Germana Katolika Kongreso anoncis, ke la Hungara delegitaro manĝigas 100 malriĉulojn de la urbo Nürnberg. En ĉeesto de la episkopoj kaj de la kongres-prezidanto ĉi tiu agapo okazis lundon en pluraj ejoj de Nürnberg kaj kaŭzis multe da ĝojo kaj sunbrilo en mizer-prematajn korojn. Tiamaniere la Katolika Kongreso finsonis en faritajo de la amo kaj turnas sin admone al ĉiuj, kiuj ankoraŭ ne devas malsati: Helpu al la malriĉuloj, kie kaj kiom vi povas helpi kiel sankta Elizabeto helpis,

Jos. LINTL, *presbitero.*

## Unua Ekspozicio de malnova eklezia arto en Litovujo

Ĉi somere, de la 14 junio ĝis 12 julio, en Kaŭnas okazis unua tiaspeca arta ekspozicio. Ĝi lokiĝita estis en bela salono de nova ŝtata domo, nuntempe destinita por supera juĝejo-tribunalo. Ekspoziciatoj ne estis multaj; oni kunkalkulas ĝis 127 objektoj, kiuj konsistas grandparte el pentrajoj religiaj de la XVIII-a kaj XIX-a jarcentoj, el liturgiaj vestaĵoj, plejparte ornatoj, iaj el ili multekostaj estas, faritaj el famaj sluckaj zonoj, ankoraŭ estis malmultaj arbskulptaĵoj, liturgiaj vazoj: kalikoj, hostimontriloj.

La iniciatoroj estis ekleziuloj kaj aliaj katolikaj artistoj.

Memorinda estas unua ekspoziciato, posedaĵo de ĉefepiskopa katedralo, en Kaŭnas. Ĝi



estas plej antikva, kaj devenas el la XV-a jarcento, pentrita de aŭtoro nekonata. Pentraĵo prezentas al ni ĵus forprenitan de kruco en manoj de pia maljunulo Jozefo el Arimatio Kriston, kiun prikonsideras dolorplena la Dipatrino, en similaj al monaĥinaj vestaĵoj, kaj koreme priadoras plej amata disĉiplo Johano. Certe oni vidos, kun kia respekto oni tuŝas la Dian Korpon, kiu devas esti klarigota en plej granda miraklo de reviviĝo. Resume: la malaj kaj varmaj koloroj, vive pentritaj personoj kaj pli malproksima montetara pejzaĝo al ni prezentas la kortuŝan scenon laŭ antikva maniero.

Laŭdataj do estu penoj de iniciatoroj, kiuj sekvas tradiciojn de sia Patrino-Eklezio, protektantino de sciencoj kaj artoj eĉ en plej maltrankvila tempo.

K. S.

---

**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo:**

Esperantista Centra Librejo, 11, rue de Sèvres (VI[e]).

Universala Oficejo Katolika, 59 [ter], rue Bonaparte (VI[e]).

---




■ Kanoniko Petro Durieux, ĝenerala vikario en Le Puy, estis elektita episkopo de Viviers (Francujo).

■ Lordo Cecil, eksministro de Granda Britujo, estis akceptita en aparta aŭdienco de Lia Papa Moŝto, kun kiu li parolis dum tri horkvaronoj en la privata biblioteko.

■ 5.000 katolikoj en Aurillac, 4.000 en Tulle, 10.000 en Saint-Quentin kaj 12.000 en Poitiers (Francujo), festis la jarcenton de la instrua libereco, la 4 kaj 11 oktobro, kaj depostulis la rekonon de la rajtoj de la Eklezio kaj de la religiulaj instruistoj.

■ Dum prediko en Watford (Auglujo), Kardinalo Bourne, ĉefepiskopo de Westminster, invitis la katolikojn ĉiuforte kontraŭstari la sovetan propagandon.

■ La inaŭguro de la baziliko Sankta-Remiĝio en Reims (Francujo) solene okazis, la 4 oktobro, sub la prezido de Msro Suhard, ĉefepiskopo de Reims. La antikva baziliko, kiu entenis la korpon de la apostolo de Francujo, estis tute ruinigita dum la tutmonda milito. Ĝi feliĉe estis riparita kaj nun denove malfermita por la kulto.

■ La 34-a kongreso de la Bona Gazetaro sukcese okazis en Parizo komence de oktobro. Prezidis la kunvenojn Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, Msro Suhard, ĉefepiskopo de Reims, kaj Msro Béguin, episkopo de Belley.

■ Kardinalo Verdier, ĉefepiskopo de Parizo, donis la konfirmacion al dekkvin malgaŝaj soldatoj en la preĝejo de la misioj, kuŝanta meze de la diversaj pavilonoj de la Kolonia Ekspozicio.

■ Ĉiudusemajne okazas en Berlino meso por la paco en diversaj preĝejoj de la germana ĉefurbo. La unuan celebris Msro Schreiber, episkopo de Berlin, en la studenta kapelo de la Niedernallstrasse.

■ Ses mil anoj de la Laborista Junularo Kristana el Belgujo pilgrimis al Lourdes, komence de oktobro, por tie festi la presbiteran jubileon de ilia direktoro-fondinto: Pastro Cardyn.

■ Msro Timoteo Casey, ĉefepiskopo de Vancouver (Kanado), lasttempe mortis. La prelato, kiu naskiĝis en 1862, dejoris kiel episkopo de post 1912.

■ Msro Klopotowski, fondinto de la jurnalo *Polak Katolik* (Pola Katoliko) kaj de diversaj semajnaj kaj monataj gazetoj, mortis en Warszawa, la 10 septembro. Antaŭe li testamentis siajn periodikojn al la ĉefepiskopo de Warszawa.

■ En Olmutz (Ĉeĥoslovakujo) okazis, la 1 oktobro, kunveno de la ĉeĥa episkoparo, sub la prezido de la papa nuncio, Msro Ciriaci. La episkopoj priparolis la *modus vivendi,* kies artikoloj kaj punktoj kaŭzas nun interparoladoj inter la Sankta-Seĝo kaj la ĉeĥoslovaka registaro. La kunvenantaro ankaŭ havigis konkludojn al la malkonkordo okazita pro la eksiĝo de Msro Kordac.

■ La fame konata D-ro Fritz Gerlich, iama ĉefredaktoro de la plej granda sud-germana gazeto *Munchener Neueste Nachrichten,* lasttempe konvertiĝis de protestantismo al la katolika Eklezio en Eichstät (Bavarujo). D-ro Gerlich multe okupiĝis, dum la lastaj jaroj, pri la okazintaĵoj en Konnersreuth. Li estas la aŭtoro de la fundamenta sciencа verkego pri Teresio Neumann: « Die Stigmatisierte von Konnersreuth ». (G. S.)

■ La 58-a jarkunveno de la Federacio de la asocioj kaj rondoj katolikaj de Belgujo okazis en Malmédy-Eupen, sub la prezido de S-ro Segers, ŝtata ministro. Oni speciale priparolis la unuiĝon de ĉiuj katolikoj, malgraŭ la lingvaj kaj aliaj diferencoj.

■ Antaŭ katolika popolamaso estis celebrita, dimanĉon 4 oktobro, sankta meso por la paco kaj la unuiĝo de la popoloj, sur la Hoffburg, en Wien. Lia Kardinala Moŝto Piffl, ĉefepiskopo de Wien, prezidis, dum Msro Rieder, ĉefepiskopo de Salzburg, celebris.

■ Pastro Sanson, Oratoriano, tutmonde konata pro liaj fastaj predikoj en la katedralo de Parizo, jus estis distingita per la Kavalireco de la franca Honor-legio, pro lia energia agado kontraŭ la tuberkulozo.

■ La Katolika Junularo Virina de Belgujo sukcese organizis en Bruselo, la 11 oktobro, dulingvan kongreson, sub la prezido de Kardinalo van Roey, ĉefepiskopo de Meĥeleno. Partoprenis 13.000 junulinoj.

■ Okaze de la inaŭguro de la tribunala jaro en Anglujo, estis celebrita solena meso en la katedralo de Westminster, en Londono, sub la prezido de Kardinalo Bourne. Ĉeestis multaj katolikaj juĝistoj kaj advokatoj.

■ Kardinalo Ceretti estis elektita prefekto de la Apostola Subskrib-Oficejo, kiu estas kvazaŭ la Suprema Tribunalo de la Sankta-Seĝo.

## NIA FELIETONO

Ni komencas, en ĉi tiu numero, la publikigadon de tirola romano: *Jakob Brunner,* kies aventuroj kortuŝos niajn legantojn; pli ol unu okulo larmmalsekiĝos dum la legado.

Jen kion skribi bonvolis S-ro Paul Christaller, membro de la Esperantista Akademio, pri la verko kaj pri la traduko.

« La verkistino kapablas tre bone, priskribi sian hejman alpo-landon, kies dialekton ankaŭ parolas la en la romano agantaj personoj. Oni vere vivas, ĝojas kaj ĉagreniĝas kun ili, kaj mi tre ĝojas, ke per la Esperanto-traduko la romano povas fariĝi konata en la tut-mondo. Ĝi tion meritas.

« Ankaŭ la tradukintino tre bone faris sian laboron, pri kiu mi iafoje povis konsili ŝin. Certe ne estis facila tasko, trovi ĉie la taŭgajn esprimojn por dialektaĵoj, kiuj ofte ne estas kompreneblaj al ali-regionaj germanoj.

« Kompreneble la apartan ĉarmon, kiun prezentas dialekta konverso, neniu traduko, ankaŭ ne tia per Esperanto, povas redoni; aliparte dialektaj tekstoj ja ofte ne kontentigas eĉ sam-dialektanojn, ĉar ne ekzistas literaro, kiu ĉiel aprobinde povus prezenti la rilatajn sonojn.

« Mi kredas, ke ĉiu leganto legos la belan rakonton kun sama ĝuo kiel originalan... »


# KATOLIKA VIVO

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

**DIREKCIO kaj REDAKCIO**
**10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI**

Telefono: Paris-Passy 06-30 aŭ Paris-Elysées 85-84
Telegrama adreso: Ramboux, Croibayar-Paris-86

La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

**ADMINISTRACIO**
**10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI**

Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris n° 281.40

**ABONPREZOJ:**

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16,— | 8.50 |
| Por landoj kun rabata posttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika.*
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

**Oni abonas aŭ reabonas:**

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris n° 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj: Aŭstrujo, Belgujo, Ĉehoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto:

*Por Anglujo:* S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo:* S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto n° 122.791.

*Por Belgujo:* S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto n° 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo:* S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto n° 89.927.

*Par Germanujo:* S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto n° 9.728.

*Por Hispanujo:* Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando:* S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando:* Firmo W. van Eupen, Wal 2-a, Eindhoven. Poŝtkonto n° 19.313.

*Por Polujo:* S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando:* S-ro Hans Finkel, ĉe S-ro R. Künzler, Werdstr. en Heiden (App.)

# Religia Historio de Norvegujo

Verkita de Lars Eskeland
fama Norvega edukisto
kiu konvertiĝis, en 1925, al Katolikismo.

*Ni publikigas la daŭrigon de tiu historia skizo pri Norvegujo. Plezure kaj interese ĝin legos niaj legantoj.*

**III. — La vekantoj. La alta popol-lernejo**

En tiu epoko, la Providenco donas al Norvegujo kaj al Danujo, du homojn: la vekantoj kiuj havas gravan influon, ĉiu laŭ sia maniero. En Norvegujo, estas Hans Nilsen Hange, filo de kamparano; li estas kortuŝita de la morala kaj kristana malprospereco. Li entreprenas la malfacilan taskon revenigi siajn samlandanojn al la kredo kaj al la pentemo. La civilaj kaj ekleziaj aŭtoritatoj persekutas lin kaj eĉ sukcesas tenigi lin en malliberejo dum dek jaroj. Li neniel kulpis krom esti simple montrinta tion, kio estas la vero. Tamen la sentoj naskataj de Hange en lia lango estas tiel profundaj, tiel riĉaj, ke la nacio estas, ankoraŭ en niaj tagoj, markata de ili!

La militoj de la Franca Imperio havis kiel konsekvencon la dispartiĝo de Norvegujo kaj Danujo. La du landoj suferas tiam maldolĉajn okazajojn. Ĉe la kunveno en Eidsvoll (1814), Norvegujo ekhavas konstitucion, kiu donas la ĉefan povon al la kamparanoj. Tio okazis tial, ke la norvegaj kamparanoj havis ĉiam plenan liberecon kaj ĉiu restis « sia propra sinjoro » kiel oni diras. Ne ekzistis alia nobeleco. La iama nobelaro mem iĝis kampara klaso: pro tio oni alte ŝatas en Norvegujo la vorton « kamparano ». En la najbaraj landoj, la socia stato ne estis la sama. En Danujo la kamparanoj estis ĝis tiu epoko malmulte ŝatataj; nuntempe ili altiĝis ĝis socia kaj intelekta nivelo, kiu ĉiam mirigas la mondon. La kaŭzon oni devas serĉi en la grandega progreso de la religia, nacia movado kreita de Grundtvig, kies ĉefa ilo estis la alta popola lernejo (Folkehögskulen).

Grundtvig, genia poeto, historiisto, pastro en la ŝtata eklezio tuj montriĝas kontraŭulo de la racionalistoj kaj flame predikas la doktrinon de Kristo. Li komprenas, ke la plej granda malfeliĉo venos ĉe la Nordaj popoloj se ili ne plu havos la kredon. La racionalistoj siaflanke, pretendas instrui la veran Kristanismon. Post serioza studo de la Sankta-Skribo, facile oni vidas — laŭ ili — ke neniam Kristo sin proklamis Dio. Konsekvence, multaj dogmoj devas esti forigataj. Grundtvig demandas al si: kion pensos la infanoj kaj la neintelektuloj, tiam kiam la kleruloj mem malkonsentas pri tiuj simplaj demandoj? Lia animo tiam suferas krizon, kiu igas lin serĉi pruvantan demonstracion de la Kredo, demonstracion kompreneblan de ĉiu homo. Li ekstudas la verkojn de sankta Ireneo kontraŭ la skismuloj; li malkovras ke Kristo postlasis en la Eklezio nediskuteblan ateston kaj donis al tiu atesto, dian povon; tiu atesto estas la Simbolo de la Apostoloj. Per ĝi la Filo de Dio instruis al siaj disĉiploj la dian Revelacion. En ĝi ni havas la vivantan kaj inspiritan parolon, kiu estas la elirpunkto por ĉiu kristano en ĉiuj jarcentoj, la nevenkata fortikaĵo kontraŭ nekredemo kaj ateismo, la gvidilo de la infanoj, de la malkleruloj, kiuj ne bezonas koni la Sciencon por esti ravataj.

La Eklezio mem montriĝas antaŭ Grundtvig. Li komprenas, ke Nia-Sinjoro mem kreis ĝin kaj faris ĝin sia propra ilo. Li volas ke ĝi denove prenu la nomon: *katolika,* kiun Luther anstataŭis per *kristana*. Li konsentas pri la graveco de la sakramentoj, sed nur pri du sakramentoj. Li haltas bedaŭrinde ĉe la sojlo de la Eklezio, ne transpasante ĝin. Tamen Grundtvig faris gravegan verkon, haltigante racionalismon kaj instigante siajn samlandanojn al kristana vivo pli intensa. Lia doktrino enhavis ankaŭ etikan forton pli granda ol tiu de Lutheranismo, ĉar li ne akceptis la aksiomon: « *Nur la kredo!* », sed ĉiam diris, ke ni respondas pri niaj agoj kaj devas per *bonaj verkoj* labori por nia savo.

La katolika Eklezio havis en mezepoko gravegan influon en la instruado: ĝi portis kvazaŭdire la homaron. En niaj tempoj pli ol iam, necese estas, ke oni instruu la savon ne nur al elito sed al la tuta popolo. Jen la tasko de la lernejo.

En tiu epoko, la unua-grada lernejo estis malmulte disvolvigata kaj la supera lernejo, forgesante sian ĉefan taskon, iĝis fabrikejo de funkciuloj. La spiritan vivon oni metis ĉe la dua rango: oni ŝajne ne sciis, ke ĉia vivo eliras el la koro.

Grundtvig komprenis, ke viriĝanta aĝo estas la aĝo plej grava en la vivo de homo. Estas printempo, tempo dum kiu la animo malfermiĝas por bono aŭ malbono; se tiam la koro ne estas nutrata per bonaj principoj kapablaj naski verkojn meritoplenajn, poste malpli atingebla estos ĝi!



Katedralo de Nidaros

Post la revolucio en julio 1830, oni parolis multe pri demokratio. Norvegujo kaj Svedujo jam havis tian reĝimon, sed en Danujo, la despota reĝimo ĉiam ekzistis. Grundtvig pensis, ke la politika libereco kaj la demokratio estas danĝeraj ajoj, kiam la popolo restas malklera. De tio naskiĝis en li tiu ideo pri lernejo por eduki la junularon el ĉiuj klasoj: pri lernejo celanta neniun liberalan karieron, sed donanta ĝeneralan instruon, profundan konon de la vivo; pri lernejo vekanta en la junularo, la senton pri respondeco persona kaj socia.

Grundtvig arde propagandis la ideon krei en Norvegujo kaj en lia propra lando « altan popolan lernejon », kiel li ĝin nomis. Li ne ripozas antaŭ ol atingi la celon. La unua lernejo estas kreata en Sör-Jylland en 1844. Aliaj sekvas. Ili disvastiĝas precipe post la milito inter Danujo kaj Germanujo, en 1864. Oni komprenas tiam la urĝan neceson fortigi kaj enkuraĝigi tiun malgrandan popolon ankoraŭ sangantan el ĉiuj siaj vundoj. Tiam la lernejoj de Grundtvig jam pruvis sian utilecon.

En 1864 Norvegujo havas sian unuan « altan popolan lernejon »... Ili estas nun ĉie disvastigataj same kiel en Danujo kaj Svedujo. En la tri skandinavaj landoj ekzistas hodiaŭ 150 lernejoj tiaj kun dek ĝis dek-kvin miloj da gelernantoj aĝaj de 17 ĝis 25 jaroj. Komence la lernejoj malfermiĝas nur al la junaj viroj por vintra kurso daŭranta kvin aŭ ses monatojn. Poste oni malfermas kurson por junulinoj dum la tri someraj monatoj. Sed de unu generacio, jam la lernejo estas ambaŭseksa en Norvegujo. Tiel ankaŭ ofte okazas en la du najbaraj landoj. La lernantoj estas ĝenerale varbataj en la kampara klaso, sed ankaŭ oni varbas ilin en la urboj. Ĉiuj lernejoj estas konstruitaj en la kamparo por havigi la kvieton kaj la spacon necesajn por la laboro, ĉar la kursoj iom similas al tio, kion oni nomas en la religia lingvo « spirita retiriĝo ». Necesas precipe altigi la sentojn de la animo, fortigi la karakteron. « *Necesas ke oni montru al la junularo la idealan vivon de la homo, ke oni instruu al tiu junularo, ŝati, ami kaj neniam forlasi ĝin* », diras Christofer Bruun, unu el la pioniroj de tiu lernejo en Norvegujo. « Kial vi nepre volis, ke mi iru ĉe la altan popolan lernejon? » demandas junulo al dana profesoro Kristen Kold, kiu praktikas tre lerte la ideojn de Grundtvig. « Nu, montru al mi cian poŝhorloĝon, respondas Kold. Kion ci faras, kiam ĝi haltas? — Mi streĉas ĝin. — Bone! Ĉe la lernejo ankaŭ mi volas streĉi cin, tiel ke ci neniam haltu. »

Oni povas diri, ke la alta popola lernejo plejofte plenumis tiun altan taskon. Kiel? Ĝuste, montrante al la lernantoj la sinsekvajn ŝtupojn de la historio, montrante la gravajn kontraŭojn inter bono kaj malbono, lumigante la bildon de la plej alta ulo: *La Filo de la homo*. Ni ne forgesu ankaŭ la bonfarantan mision de la bonaj verkistoj el ĉiuj tempoj kiuj montras al ni la vivon en ĝia realeco, instruas al ni ami, malami, elekti kaj eĉ kontraŭrespondi kiam konvenas. La programo de la alta lernejo ne enhavas religion kiel apartan instruon, ĉar ĝi estas la bazo de ĉiuj laboroj.

*Pli bone estas koni Dion kaj si mem ol posedi la « ruĝan oron »*, diras Grundtvig. Same kiel ĉiu arbo enhavas sian ĝermon en la malgranda semo, tiel la homo enhavas en

---

FELIETONO DE LA 25 OKTOBRO 1931 — 1 —




Tirola romano de H. de Ŝrot de Pelzel.
Tradukis Maria Ŝot.

## VERBASKO

Sur kruta alp-herbejo, jen kreskas alta flor',
verbasko la gracila, kaj brulas ĝia kor';
ripozas oraj floroj en ĝia kora am',
ensorbas ĝian ardon la eta ora flam'.

Se suno jam subiris, la floro en vesper'
oferas siajn ardojn al ĉirkaŭanta ter';
incenso supreniĝas ĝis ĉiu rokopint' —
verbasko mem nun preĝas, pro amo al Savint'!



La malgranda loko, en kiu li vivis, nomiĝis Sankta-Georgen-sur-Monto. Estis izolita, bela peco de montara lando kaj tiom soleca kaj trankvila, kvazaŭ tie loĝas la Dia paco.

I.

La pramalnova preĝejo kun la malalta, kvazaŭ malsuprenpremita turo ŝajnis malŝveliĝinta, ĝi montris fendojn kaj difektojn, ĝi estis griza kaj malhela. Nur super la tegmento oni vidis iom da arĝenta brileto. Flanke de la preĝejo troviĝis la pastrejo. La aliaj domoj situis pli aŭ pli malalte. Antaŭ la preĝeja muro estis benko — kaj sur ĝi sidis la pastro, se li havis tempon.

Tiu estis Jakob Brunner. Ankaŭ li estis maljuna, kvazaŭ malleviĝinta en si mem, ankaŭ li havis faltojn kaj estis soleca. Kiel la arĝento sur la tur-butonego, tiel brilis neĝblanka hararo sur lia kapo. Ofte liaj rigardoj glitis time supren al la turo. « Kiel ĉio iam post iam pereas! Preskaŭ ĝi teronfalas al mi, tiu grandaĝulo, tenu ĝin ankoraŭ iomete sankta Georgo, ĝis mi iris! » —

Tiel li petis laca, kaj li sciis tre bone, kiel kaduka li mem estis. — Jes, estas tiel sur la mondo kaj devas esti tiel — kiu laboras multe kaj longe, tiu fariĝas laca. Longe ankaŭ vi penis, Jakob Brunner, paciencu ankoraŭ iomete! Kaj poste ripozo — ripozo.

« Ha, vi venta kamarado, vi forŝiras mian ĉapelon de l' kapo »; li kuris post la malmoderna ĉapeto tiom rapide, ol liaj maljunaj gamboj tion permesis. « Ĉu mi vin nun havas? Ĉiam estas batalo sur tiu ĉi mondo, eĉ pro plej eta bagatelajo. »

Poste li ree sidis ĉe sia preferata loketo sub la elstara tegmento de la preĝejo.

Antaŭ kelkaj horoj fulmotondra vetero akvumis la regionon. Tial la aero fariĝis pura kaj freŝa, vagantaj nebulamasoj leviĝis el la rondvalo kaj rapidis petole alten. Tie kaj tie vidiĝas grandaj pecoj de l' blua firmamento; post nelonge sur kelkaj maldensaj nubostrioj ankoraŭ kuŝiĝis en laktoblanka koloro mezen sur la malcedan rokon, kvazaŭ ili volis, lacigitaj pro la pelado kaj tumultudo profunde ekspiri post la batalo kontraŭ la ŝtormaj naturfortoj. Estis agrabla ripozo post furioza lukto...

Sur la ĉielo jus penetris tra nubo varma sunradio kaj kolorigis la pejzaĝon per intensa oro kaj kupra ruĝo. Transe ĉe la arbarrando ree kantis la turdo. El la profundaĵo muĝis la torento pli klare, ne plu tiom furioze — kaj tiel al- kaj for- iĝis la rememoroj...

Li ne ĉiam sidis en sunbrilo kiel nun. Estis tempoj, kiam ŝtormis tra lia animo furiozaj montaraj fulmtondroj, kiuj lanĉis detruajn fulmojn; sed siatempe li, Jakob Brunner, ne estis timema; meze de ventego li spitis al ĉiu vetero kaj tranĉa malvarmo firme kiel lia ŝtona turo; ju pli ŝtormis kaj furiozis ĉirkaŭ li, des pli kuraĝa li fariĝis. Tio okazis en junaĝo... ja nun la milda sunbrilo agrable karesis lin, kaj li volonte lasis ludi ĝian oran radion kun sia maldensa delikata blankhararo.

Intertempe li fermis la okulojn, apogis la kapon iom malantaŭen sur la grizan preĝejmuron. Trans lia vizaĝo flugis granda, silenta

## Religia historio de Norvegujo

*(Daŭrigo)*

si idealan bildon gravuritan en lia animo. Dio mem metis ĝin tie: ju pli ni igas ĝin brili, despli ni proksimiĝas al la perfekteco propra je nia situacio, al la perfekteco kiun ĉiu homo devas celi. Estas la laboro de la kono pri si mem kaj tiu kono kondukas nin al Dio kaj igas nin ŝajni al Li. Tiu celo estas ĝuste la celo de la alta popola lernejo. Ĝi penas por malfermi la okulojn, la orelojn, la koron de la junularo. Tio ne estas tre malfacila: la kampara junularo faciligas tion volonte; ĝi estas obeema kaj sentema pri ĉia bona instigo. Sokrato aŭskultis voĉojn venantajn el lia internaĵo kaj Johanino de Ark obeis al tiuj kiuj instigis ŝin plenumi la verkojn de Dio. Ĉu ni ĉiuj ne estas destinataj pli malpli esti la sendatoj de Dio? Ĉu ni ĉiuj ne estas kord-instrumentoj, kiuj devus aŭdigi agordojn? Dio mem streĉis la kordon, kiu devas agordiĝi kun la Lia. Li donis al ni la volon, la penson, la koron, laŭ la modelo de sia volo, de sia penso, de sia koro. Tial tiu lernejo direktas la junularon al altaj celoj.

La plej grava kapitalo de popolo estas ĝia junularo kaj la plej grava kapitalo de la junularo estas ĝiaj idealaj aspiroj, ĝia soifo pri lumo, pri progreso, estas ĝia zorgo atingi la plej altajn lokojn.

La popola lernejo penas por altigi la sentojn rilate la gepatrojn, la familion, la patrujon: unuvorte, respektigi la kvaran ordonon. La lernejo celas formi bonajn civitanojn havantajn sufiĉan konon pri la intelekta kaj materia vivo en kiu ili estas kaj vivas.

Konsente kun tiuj ideoj, ĝi entreprenis la taskon igi uzata denove la antikvan norvegan lingvon kaj eltiri ĝin el la malprospero, en kiu ĝi estis de la anekso-tempo. Juste estas redoni al ĝi ĝiajn rajtojn, ĉar 90 % de la nacio parolas la norvegan lingvon. Oni ne devas miskompreni la sentojn, kiuj kondukas nin al tiuj klopodoj tute ne venantaj el malamo kontraŭ la Danoj, kiel asertis antaŭ nelonge franca verkisto, S-ro Maurice Bedel. Ni volas nur realtigi la nacion, redoni al ĝi ŝaton kaj fidon al si mem.

Kvankam ni laboras por fortigi patriotismon ĉe la junularo, ni forigas ŝovinismon kaj ĉian ekciton. La amo, kiun oni sentas al siaj gepatroj, ne kaŭzas necese malŝaton al proksimulo. Ni volas, ke la junularo lernu rigardi la patrujon kiel rigardis ĝin sankta Olav je la tago antaŭ sia morto. Li havis vizion: antaŭ li kuŝis Norvegujon kaj poste la vidaĵo plivastiĝis kaj enhavis la tutan mondon. Tiel la junularo devas unue rigardi ame sian landon, sed ne resti indiferenta al la resto de la mondo. Ĝi devas kontraŭe, akcepti el aliaj landoj ĉion, kio povas esti por ĝi, bona kaj saviga.

Neniu povos nei la bonon faratan de tiuj lernejoj en la nordaj landoj. Ili kontribuis al grava disvolviĝo de la intelekta kaj socia vivo. Oni diris prave, ke la alta popola lernejo kaŭzis la rimarkindan progreson de la dana kampkulturo. Ne instruis ĝi al kulturistoj la modernajn procedojn de la kampkultura scienco, sed ĝi altigis ĉe ili la nivelon intelektan kaj instigis al iniciatemo; ĝi kreas kulturajn mensojn, kiuj kapablas pri grandaj taskoj. Same okazis en la najbaraj landoj.

En la komenco, ĉiuj tiuj lernejoj estis privataj, kaj ili restis tiaj, kvankam ili ĉiuj ricevas nuntempe subvenciojn de la ŝtato. Tiu ĉi nepre postulas de ili jaran raporton sed donas al ili plenan liberecon pri instruado kaj administrado. El tio, ni lernas ke la ŝtato ne devas estri la edukadon de la junularo. *La rajto eduki infanon apartenas unue al la gepatroj kaj tiu rajto de la gepatroj devas esti konsiderata kiel sankta.* La pioniroj de la alta popola lernejo fariĝis la propagandistoj de tiu ideo kaj ili sukcesis komprenigi ĝin.

*(Daŭrigota.)* Trad. Jean Duffaud.

# Letero el Hungarujo

### La XI-a Korsemajno de la Ligo de la Plejsankta-Koro de Jesuo en Budapeŝto

La plej populara hungara katolika gazeto *Sziv* (Koro) kiel en aliaj jaroj ĉijare ankaŭ kun bonega sukceso aranĝis la tiel nomatan « Korsemajnon » por la tutlandaj gvidantoj de la Ligo de la Plejsankta-Koro de Jesuo. Ĝin partoprenis grandnombre pastroj, monaĥinoj, geinstruistoj kaj aliaj estimantoj de la Plejsankta-Koro.

La Korsemajno komenciĝis per spiritaj ekzercadoj, por la pastroj en « Manreza » kaj por instruistinoj en « Marianum »; ambaŭ faritaj de Jezuitoj.

*Veni Sancte*-n kaj la festan sanktan meson diris la Papa nuncio.

Dum multaj tagoj daŭriĝis la konferencaj paroladoj, kiam tre aktualaj kaj urĝaj problemoj estis konatigataj de eminentaj oratoroj. Inter la ceteraj: la familia vivo kaj la Ligo de la Plejsanta-Koro de Jesuo, la organizado de la Ligo en ĉiu eparĥio, la popularigo de la Ligo, la sociala laboro de la Ligo, ktp.

Precipe oni alvokis la atenton al la nova agitado de socialdemokrata unuiĝo, kiu pere de la infanunuiĝo « Infanamiko » volas almiliti kaj venenigi la senpulpajn infanajn animojn.

La konferencajn paroladojn vizitis ankaŭ Lia Kardinala Moŝto D-ro Justiniano Serédi, hungara princprimato, kaj unue Francisko Biro, jezuita provincialo, salutis kaj petis Lian Kardinalan Moŝton, ke li bonvolu alpreni al siaj titoloj ankaŭ la plej belan titolon: Kardinalo de la Plejsankta-Koro de Jesuo.

Poste tre kortuŝa sceno sekvis. Unu knabeto en malriĉeca vestaĵo salutis la kardinalon de hungaroj en la nomo de proletaj Korgardistoj kaj petis lian protekton precipe por la malriĉaj geknaboj de la Ligo.

Al ambaŭ salutoj emocie respondis Lia Kardinala Moŝto kun larmoj en siaj okuloj. Kun danko li akceptas la oferitan titolon kaj per ĉiuj siaj klopodoj li volas fariĝi inda je tio. Kaj la infanojn li rekomendas kaj rerekomendas al ĉies bonvolo citante la vortojn de nia adorata Savinto: « Lasu vi la infanojn al mi veni ». Dankeme li salutas la ĉeestantajn gvidantojn de la Ligo, kiuj eĉ ĝis nun ekkomprenis la ĉi vortojn de Jesuo, kies elokventa pruvaĵo estas la kun riĉa rezulto finiĝinta Korsemajno.

La Ligo de la Plejsankta-Koro de Jesuo estas unu plej disvastiĝinta Ligo en Hungarujo. En ĉiu unugrada lernejo estas jam organizita la Ligo de Korgardistoj, kiuj en ĉiuj religiaj festoj, procesioj kun la insigno de la Ligo partoprenas. Donu la bona Dio, ke la nun okazinta Korsemajno estu denove kun granda paŝo antaŭen puŝanta ĉi tiun belan Ligon. Ke ĉiuj hungaroj senescepte ektrovu la vojon tien, kie ni devas, volas kaj deziras vivi: al la Plejsankta-Koro de nia dolĉa Jesuo.

### La festo de Nia-Sinjorino de la Neĝa Monto en Pécs

Kiel reĝino tronas super urbo Pécs la Kapelo de Nia-Sinjorino de Neĝa Monto. Malantaŭ ĝi etendiĝas la longaj arbaroj de monto Meĉek; kaj antaŭ ĝi kuŝas la multaj vicoj de stratoj kaj domoj. En iu ajn direkto alproksimiĝante al la urbo, la kapelo estas la unua, kiu ekaperas sur la horizonto, kaj forirante de tie, ĝi estas la lasta, kiu adiaŭas



La preĝejeto de N.-S. de la Neĝa Monto supre de Pécs

nin. Kaj en la kapelo kun zorgemaj patrinaj okuloj observas, gardas kaj rigardas ĉiujn loĝantojn de Pécs Nia-Sinjorino de Neĝa Monto. Siaj bonecaj patrinaj okuloj amplene ripozas eĉ sur la lasta statbalaisto, kiu en unu kurba eksterurba strateto pene klopodas senpolvigi la vojon, parte per ĝia balailo, kaj parte per tio, ke li mem enspiras la moviĝantan polvaron. Kaj kiam la de polvo pleniĝinta malgrasa pulmo lin tusi devigas, haltas la balailo en siaj manoj kaj per helppetantaj okuloj suprenrigardante al la kapelo, li murmuras mallaŭte: « Nia-Sinjorino de la Neĝa Monto, helpu min! »

La kapelon tre interesan historion havas. En jaro 1697 terura epidemio, la pesto suferigis la loĝantaron de Pécs, kaj mortigis ilin amase. Ĉe la orienta parto de la urbo komenciĝis, sed iom post iom ĝi trairis al la aliaj partoj ankaŭ. Nek unu domo, nek unu loĝejo restis, de kie ĝi ne estus rabinta viktimon. Patroj, patrinoj, infanoj, fratoj fariĝis fremdaj unu por la alia, pro la terura timego. La magistrato ne kuraĝis kunsidi. La stratojn gardistoj ne gardis. Bruo, kanto, parolado eksilentis. Ĉiujn homojn la timego regis. Laŭ la kroniko: « Kiu havis ankoraŭ iom da forto, tiu trenadis sian suferigitan korpon al la muroj de preĝejoj, por ke li tie povu morti! »

Subite fariĝis paŭzo. La postrestintaj vivantoj libere ekspiris. Fine, fine ĉesiĝis la teruro! Sed ho ve! ili eraris. Ĝi nur kunkolektis sian forton al nova rikoltado, dum kiu neniu estis indulgita. Kaj tiam okazis granda decido. Iu suprenmontris al la Neĝa Monto — ĉu tiu estis episkopo, pastro, laikulo, ĉu riĉa, ĉu malriĉa homo, kiu scias, kiu povus tion diri, — kaj oni eldiris la devizon: « Ni konstruu preĝejon sur la monto, sed tiel, ke ĉiujn necesajn materialajojn homa forto portu sur la monton. » La decidon tuj sekvis agado. Ĉiu homo, kiu povis siajn membrojn movi, portadis supren la brikojn, kalkon kaj aliajn konstrumaterialajojn, ĝis fine la kapelo pretiĝis. Kiel ties memoro okazas en la nunaj tagoj ankaŭ ofte, ke piaj pilgrimantoj ĉe la piedo de Neĝa Monto alprenas ŝtonon, kaj kiel pentfarado portas ĝin — ofte sur la kapo — al la kapelo.

La ofero plaĉis al la Ĉiopovanta Dio, ĉar la epidemio mirinde ĉesis pro la propeto de la Sanktega Virgulino. Depost jaro 1710 ĝi estas promespreĝejo. En jaro 1739 la kapelo estis disvastigita. En jaro 1790 ĝia internejo debruliĝis, sed poste oni ankoraŭ pli bela, pli ornama renovigis ĝin.

Sur la ĉefaltaro estas la bildo de la sanktega Virgulino, kiu estis portita el pli ĝuste benata en preĝejo Santa-Maria-Maggiore de Romo — kies historion certe ĉiuj konas.

La festo kiel kutime ĉijare ankaŭ tre belega kaj edifa estis. Jam antaŭvespere el la ĉirkaŭaĵo amase alvenis la pilgrimantoj kiuj dum la tuta nokto kaj posta tago ĉu per kanto, ĉu per preĝo esprimis siajn dankojn al la sanktegan Dipatrino. El la Katedralo de Pécs procesio iris supren al la kapelo, kiun gvidis Kanoniko Ede Koch kun multaj pastroj. De tempo al tempo diverslingvaj predikoj estis diritaj al la diverslingvaj fideluloj kaj dum la sanktaj mesoj preskaŭ ĉiuj ĉeestintoj prenis sanktan komunion.

Permesu la bona Dio, ke tiuj multaj petegoj, kiujn oni eldiris dum tiu ĉi festo ĉiuj estu ekaŭditaj de la sanktega Virgulino, ĉar ni vivas nuntempe en tia tempo, kiam nur Ŝi povas helpi, « La helpo de kristanoj! »

Heleno Fiedler.

## La progreso de la spiritaj retiriĝoj en Svislando

Antaŭ nelonge okazis en Wil la 25-a jubilea ĉefkunveno de la Svisa Ignacia Vir-asocio. El la jarraporto oni bone vidas, kiel floras la asocio, malgraŭ la ĉiutage pli sentebla sendia propagando.

En la lasta jaro estis 40 sekcioj. Kiam la asocio estis starigita, precipe en Orient-Svislando, ĝi kalkulis, en 1906, ses sekciojn; en 1916, estis 16 sekcioj, sed, en 1921, estis nur 7. Tamen de post tiu jaro la nombro da sekcioj pli kaj pli grandiĝis: en 1925, 9; en 1926, 11; en 1927, 16; en 1928, 22; en 1929, 30; en 1930, 33; kaj fine en 1931, 40. Dum la lasta fastotempo fondiĝis novaj sekcioj en Herznach, Buchs, Glarus, Freiberg, Lichtensteig, kaj, kiel tute lasta, la junula societo Konkordia en Neuchâtel.

La asocioj nun konsistas el 3.500 membroj.

La celo de la asocio estas organizi por siaj anoj spiritajn retiriĝojn en kelkaj lokoj, el kiuj la plej ŝatata estas la bele situata Karitat-hejmo en Oberwaid, apud Sankt-Gallen.

La asocio eldonas monatan revuon: *Männerapostolat* (Virapostolado).

Dedelakre.

---

ĝojo; kaj ĉirkaŭ li estis tia feliĉiga paco, kia ŝvebis solene super la tuta loko...

Jes, li ŝajnis esti iu, kiu neniam spertis malĝojon, iu, kiu jam ĉion plemunis, kaj kiu nenion plu atendas. Ĉirkaŭe kuŝis la dometoj de l' vilaĝo, malaltaj kabanoj, kies fundaj partoj estis masonitaj, kaj kies supraj partoj konsistis el fulgita, malhelbruna, korodiĝa ligno. En tiuj loĝis liaj paroĥanoj.

Li konis ĉiujn bone kaj lasis ilin preterpasi antaŭ sia animo; li bone sciis, kion ili nun faras, la Valdeger, la Zirbelhofer, la Brantinger, la Pfraŭmer, la Bamhakel, la Tiftaler kaj ĉiuj aliaj. Tiuj ĉi kaŭzis ne multon da zorgo al li. La viroj estis seriozaj homoj, kiuj ofte pene batalis por viv-teni sin, kaj kiuj tro-streĉas por gajni el la tero nur malgrandan profiton. La lukto kun tiu perforta, rigora naturo, kiu alportis ĉiutage novajn danĝerojn, faris ilin harditaj kaj seriozaj; neniu malforto, neniu kulpo premis ilin — ĉar ili ne havis tempon por tio. Ankaŭ la virinoj estis silentaj, fortaj estaĵoj; fortikaj, altaj, kun firmaj trajtoj en la vizaĝo ili estis, kaj la prudentaj belaj okuloj rigardis klare kaj fidele. Ili staris kiel altaj fieraj piceoj ĉe la arbarrando; ankaŭ Jakob Brunner estis el tiu tipo.

Alte supre en iu izolita bieno estis lia hejmo. Tie li travivis siajn unuajn infanjarojn — senĝoja juneco. Kompatinda patrino! La vizaĝo de Brunner ombriĝis... La sorto igis ŝin severe malmilda, estas ne mirige, se ŝi fariĝis maldelikata kaj homevitema, se ŝi diras nur malmultajn bonajn parolojn. Kiel juna, nesperta estaĵo ŝi sekvis sian edzon en la domon sur la monto. Unue ĉio marŝis bone; ambaŭ havis amon en koro kaj du fortajn manojn por labori, sed la feliĉo estis mallonga, tro mallonga...

Transe ĉe l' najbaro, la Valdbaĥer, estis multaj geservistoj, gaja ularo, inter ili ankaŭ Katrino; si venis ofte ĉi tien en la malgrandan Brunner-domon kaj sciis ĉiam ion diri aŭ fari. Antaŭ la juna kampulo ŝi montriĝis kun alloga petolemo kaj intimeco, kiu profunde dolorfaris al lia edzino. Kaj beleta estis la malbonmora servistino, sovaĝa kiel arbara rozo.

Brunner iris ofte transen al la najbaro, por laŭdire babili kun li; dum li ĉiufoje lasis sian edzinon en la hejmo. La Valdbaĥer estas tro beleta homo kaj allogas la virinojn ĝis malsaĝo, li preferas, se ŝi ne kuniru. Kaj ŝi restis. Baldaŭ venis la tempo, kiam la malrespekta persono priridis kaj mokegis la junkampulinon. Nun vekriis Gunhild helpserĉante: « Ne permesu tion, Jakob! » Sed li nur levis la ŝultrojn. « Sensencaĵo! »... Venis alia epoko, kiu estis eĉ pli malbona ol la antaŭa. La kampulo fariĝis malmilda kaj maljusta. Li preferis esti ĉie alie ol en sia hejmo. La homoj subparolis. — Dimanĉe post la Diservo li staris ĉe la malrespekta persono kaj flirtis kun ŝi. Lia juna edzino, kiu sola hejmeniris, estis priparolita de la homoj. La unuj volonte malenviis al ŝi la malfeliĉon, aliaj ĵetis sur ŝin la ŝtonon de kalumnio, aliaj sentis kompaton por ŝi. Poste ŝi nenian plu iris en la preĝejon; ŝi evitis la homojn kaj ŝi kaŝis la profundan korĉagrenon. Tio estis senfina sufero. Iutage okazis la plej malbono: la kampulo ne plu hejmeniĝis kaj transe mankis la servistino.

La kampulino atendis tagojn, estis vane. Luno post luno malaperis, li ne plu revenis. Antaŭ la kabana pordo ŝi atendis ankoraŭ ĉiuvespere, ĝis malheliĝis — vane. Ofte dumtage ŝia malklara okulo rigardis tra la fenestro. Iufoje en profunda sufero ŝi subite pugnis la manon, minacante la najbaran bienon, kaj malespera parolo, malbeno venis el ŝiaj lipoj. Ekde nun malamo kaj obstina malpardono estis ŝiaj akompanantoj, la homoj estis nun ŝiaj malamikoj. Kiel pafvundita ĉasaĵo ŝi kaŝis sin antaŭ ili, nur en soleco ŝi volis suferi sian veon. Kaj tamen ŝi ne plu estis tiom soleca kiel ŝi pensis. Granda, silenta espero kaj ĝojo estis en ŝi. — Kelkaj najbarinoj venis pro scivolemo, aliaj pro fidela kunsento — sed ĉiujn ŝi traktis lakone, neafable; ŝi restis nealirebla.

Pasis somero kaj aŭtuno, la folioj de l'arbaro falis en la muskon. En la ĉambro de la Brunnerino sonis mallaŭta kvietigita ploro, kaj apud la pala, silenta patrino kuŝis eta volvaĵo. Ekstere muĝis la arbar-gigantuloj; ili rakontis unu al la alia pri la vivo de l' nova mondano. Interne patrino premis sian plej karan kaj plej sanktan posedaĵon al sia soleca, vunda koro. Ŝi palpumis la delikatajn membrojn de la infano en nepriskribebla ĝojo kaj feliĉego.

*(Daŭrigota.)*

# Letero el Germanujo

### Konferenco de Francaj kaj Germanaj Katolikaj Profesoroj

Okazis en Köln sub la aŭspicioj de la Katolika Universitatana Asocio. Prezidis Prof. D-ro Schümmer (Bonn) kaj Prof. Devivaise (Francujo). Oni diskutis pri tri gravaj temoj: 1° Kiel oni prezentas Germanujon en la franca lerneja instruado kaj Francujon en la germana lernejo (speciale en la lingvolecionoj kaj en la historia instruo)? 2° Kiaj estas la esencaj diferencoj inter la franca kaj la germana karaktero? 3° Kiaj praktikaj eblecoj ekzistas por interproksimigo de la du popoloj per la pli altaj lernejoj? La konferenco okazis en vera spirito de la paco kaj povis klarigi multajn delikatajn problemojn, ĉar oni staris sur la fortika fundamento de la katolika religio. Se la paca spirito vere enpenetras niajn lernejojn, tiam granda parto de nia malfacila tasko estos realigita.

### La Ekonomia Mizero kaj la Germanaj Episkopoj

La germana popolo atendas teruran vintron. La nombro de la senlaboruloj estos baldaŭ 7 milionoj! En tia kazo ne sufiĉas, ke tie kaj ĉi tie la kristana karitato agadas, sed estas nepre necese, ke ampleksa, bone organizita kaj prudente laboranta speciala helpagado komencu. Tion klare ekkonis la germanaj episkopoj, publikigante detalajn direktivojn por katolika helplaboro en la diversaj paroĥoj sub gvidado de la paroĥestroj. Kolektado de mono, vestaĵoj, nutraĵoj, disdono de la kolektita materialo ktp., ĉio estas energie organizata, ne de piaj privataj kluboj, sed oficiale de la paroĥoj.

### Katolika Junularo kaj Senlaboreco

Specialan helplaboron bezonas junularo. Por ĝi ekzistas danĝeroj, kiuj estas multe pli grandaj ol la korpa malsato. Imagu junulon, kiu dum du aŭ tri jaroj ne povas, ne rajtas labori! Li degeneras kaj putriĝas, korpe kaj morale, kaj ofte li estas puŝata al sensencaj politikaj ekstremajoj aŭ al freneza malespero. Por tiaj homoj devas esti zorgate, kaj tion faras la katolikaj junularaj asocioj per aranĝo de dumtagaj hejmoj kun bibliotekoj, ludoj, klerigaj kaj amuzaj konferencoj, kun fakaj kaj popolsciencaj kursoj ktp... Kelkaj asocioj, ekz. la Katolika Junmetiista Uniĝo (Gesellenverein) kaj la Katolika Junvira Asocio (Jungmännerverband) eldonis interesajn broŝurojn pri sia ĝisnuna laboro en tiu kampo kaj kun praktikaj proponoj por la venonta vintro. — Oni ankaŭ organizis tielnomatan « libervolan laborservon », t. e., laboradon de katolikaj junuloj por utila celo, ekz. senarbigo de arbaroj por agrikulturi la teron, konstruado de preĝejoj ktp., sen pago al la laborantoj, sed kun nura donado de nutrajo. Pri la praktikaj spertoj mi esperas baldaŭ raporti pli detale en ĉi tiu loko.

### Malarmado

Nun estas afero multe priparolata en Germanujo de la katolikoj, kaj diversaj katolikaj asocioj decidis speciale interesigi siajn membrojn pri tio. La praktikado povas utile okazi kun uzo de la pacaj enciklikoj de la lastaj papoj, speciale de la encikliko *Pacem Dei* de Benedikto XV-a.

La nunjara kongreso de la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj okupiĝos nur pri la problemo de la malarmado. Ĝi okazos 7-11 novembro 1931 en Berlin. Pri la « sekureco » parolos franca katoliko.

### La Nacisocialismo

En la batalo de la katolikoj kontraŭ la Hitler-movado okazis kelkaj novaj faktoj.

La katolikan pastron Sinn el la sudgermana ŝtato Baden, kiu estis publikiginta broŝuron kaj farinta publikan paroladon favore al la nacisocialismo, lia episkopo eksigis el lia ofico.

En Mainz la nacisocialistoj provis elvoki skandalon pro la rifuzo de la eklezia entombigo al mortinta nacisocialista gvidanto. Tiu gvidanto estis laŭ la atesto de liaj amikoj pia katoliko kaj regule vizitadis la preĝejon. Tamen komprenebIe la ekleziaj aŭtoritatoj rilate al homo, kiu bone konis la episkopan malpermeson, sed publike malatentis kaj kontraŭbatalis ĝin, ne povis agi alie.

Alia okazaĵo: En saksa vilaĝo en interbatalo inter komunistoj kaj nacisocialistoj (bedaŭrinde tiaj bataloj sufiĉe ofte okazas) unu nacisocialisto estas mortpafita. Poste la nacisocialistoj publikigis en siaj jurnaloj, ke la mortiginto estas komunisto kaj samtempe membro de la Katolika Junmetiista Uniĝo, aldonante, ke « ankaŭ nun, kiel jam ofte, la ruĝaj kaj nigraj murdistoj agis komune ». La Centra Oficejo de la Katolika Junmetiista Uniĝo post telegrafa demando tuj konstatis, ke la mortiginto ne estis membro de la uniĝo, sed ke la nacisocialista informo estis mensogo kaj terura kalumnio.

### Liberpensula Kongreso en Berlin

En septembro okazis en Berlin Internacia Liberpensula Kongreso organizita de la socialista (do ne de la komunista « sendiula ») parto de la liberpensula movado. La paroladoj estis same insultaj al Kristanismo, kiel ili estis malsaĝaj kaj kelkafoje eĉ ridinde frenezaj. Iu kamarado parolis pri la « kadavro de la kristana eklezio, kiu kuŝos sur la vojo de la progreso ». Nu, la Eklezio jam postvivis pli gravajn « progresojn », ol iam povos realigi la babilemuloj de la Berlina kongreso. En la kongreso oni ankaŭ anoncis, ke depost la 1 januaro 1932 du internaciaj liberpensulaj asocioj unuiĝos. La socialista Internacio de proletaj Liberpensuloj (Internationale Proletarischer Freidenker) kun la sidejo en Wien kaj la Universala Alianco de la Libera Penso (Alliance Universelle de la Libre-Pensée) kun la sekretariejo en Bruxelles estos unu komuna organizajo. Oni multe festis la « unuecon » de la liberpensula movado, tamen oni forgesis, ke la plej serioza disiĝo, nome tiu inter la socialistaj « liberpensuloj » kaj la komunistaj « sendiuloj », fariĝis en la lasta tempo ĉiam pli granda kaj neriparebla.

### Gravaj Kongresoj de la Katolika Junularo

La Katolika Junvira Asocio, kiu nun havas proksimume 380.000 membrojn, havis sian kongreson en Trier. Kun granda entuziasmo estas salutita Pastro Lalande, ĉefgvidanto de la Franca Katolika Junulara Asocio (A.C.J.F.). En Trier estas solene akceptita en la Asocion la nova katolika skolta ligo Skolta Korpuso Sankta-Georgo.

La Katolika Junmetiista Uniĝo demonstraciis meze en la industria regiono, en la urbo de la fero kaj karbo: Essen. En la sama tago demonstraciis en la sama urbo komunistoj kaj naciistoj. 6.000 Kolping-filoj marŝis en la solena irantaro kun siaj imponaj standardoj, kaj en la salonego de la Saalbau paroladis ĉefsekretario D-ro Nattermann pri la temo: « La Junmetiista Uniĝo en la batalo pri popolo kaj nacio. »

Ĉe la tombo de la Apostolo de Germanujo, Sankta Bonifacio, kunvenis en Fulda la gvidantaro de la Katolika Junulina Asocio, kiu nun kalkulas preskaŭ 800.000 membrojn kaj certe estas la plej granda katolika junula asocio en la tuta mondo. Oni aŭdis la vokon de la granda Sanktulo, kiu jam konvertis Germanujon al Kristanismo: « Ĉu mia amata germana popolo iras en novan idolanismon? » Kaj oni kuraĝe respondis: Ne! Ni restos fidelaj! Kaj ni estos apostoloj de niaj fratoj kaj fratinoj!

En Königsberg, en Orienta Prusujo, kunvenis la germana junulara ligo « Jüngborn » (Juna Fonto) kaj diskutis la problemon de la paco, speciale la polan-germanan interpaciĝon. Energia konfeso je la pacifismo estis la rezultato, kaj la vortoj, kiujn en la fina kunveno Episkopo Kaller de Frauenburg elparolis, estis grava kuraĝigo por tiu ligo.

Germanaj junularaj asocioj sendis ankaŭ delegitaron al la granda kongreso de la Belga Katolika Junularo (ĉeestis gvidantoj de la Junvira Asocio, de la Junmetiista Uniĝo, de la germana sekcio de Mondjunularo Katolika kaj de la Studentaj Kongregacioj) kaj partoprenis la Internacian Ekspozicion de la Katolika Junularo en Bruxelles.

### La Societo por Kristana Arto

Havis sian nunjaran kunvenon en Würzburg, urbo de la famkonata skulptisto Tilman Riemenschneider. Oni eldonis urĝan alvokon, ke malgraŭ la mizero de la tempo oni ne anstataŭu la veran arton per iaj malmultekostaj fuŝaĵoj. Cetere ja ankaŭ niaj malsatantaj artistoj bezonas subtenon.

### La Granda Herder

La unua volumo de la granda katolika enciklopedio « Der grosse Herder » aperis kaj plene plenumas la promesojn. Tiu granda verko kun 10 volumoj kaj unu atlasvolumo estos standardverko de la katolika eldonado kaj en ĝia moderna aranĝo estas almenaŭ samvalora ol la nekatolikaj verkoj. Ke tia grandioza eldonajo estas granda valoro por la tuta katolikaro, eĉ ekster Germanujo, estas nedubinda. La eldonejo Herder & C°. en Freiburg meritas specialan laŭdon, ke ĝi riskis la eldonon!

D-ro Wilhelm Solzbacher.

# EL LA VATIKANA URBO

### Eldono de novaj poŝtmarkoj

La informo pri novaj poŝtmarkoj vatikanaj certe interesos la filatelistajn legantojn de *Katolika Vivo*. Jen do nova eldono, kiu eliris la 1 oktobro ee la Vatikana ŝtato.

La novaj figuroj reprezentas la saman desegnon ol la antaŭaj poŝtmarkoj, kiuj cetere estos ankoraŭ uzataj por la afranko de la leteroj kaj presajoj. Sur ĉiu estas la surskribo itallingva: *segnatasse*, kiu signifas: puna takso. La kolekto konsistas el jenaj valoroj: 5, 10, 20, 40, 60 ct. kaj 1.10. Por la tri lastaj la valoro estas ankaŭ surstampita: 40 sur 30; 60 sur 2 lir., kaj 1,10 sur 2.50.

Same estis eldonata kolekto por poŝtaj pakajoj kun la surskribo itallingva: *per pacchi*. Ĝi konsistas el ĉiuj valoroj en kurso.

La poŝtmarko de 30 ct. ricevis surskribon: 25 ct.

### La elektra sonigo en la baziliko vatikana

Kiel oni jam scias, oni elektrigis la sonigon de ĉiuj sonoriloj de la baziliko Sankta-Petro. La aranĝo estas preskaŭ finita nun, kaj oni esperas, ke la Papo baldaŭ povos inaŭguri la tute modernan sonigon.

### La Belinografo en la Vatikano

S-ro Belin, kiu elpensis aparaton por transsendi la skribajojn mem, fotografajojn kaj desegnojn, jus donacis unu Belinografon al Lia Papa Moŝto. Specialistoj, venintaj el Parizo, nun finkonstruas la aparaton en la Vatikano. S-ro Belin mem baldaŭ venos en la Vatikanan Urbon por ekzameni la konstruadon kaj ĉeesti la inaŭguron, kiu okazos en la ĉeesto de Pio XI-a. La Belinografo estas instalita en la radio-konstruajo.

Aldonu ni, ke S-ro Belin estas fervora adepto de Esperanto kaj ke unu el la tutunuaj dokumentoj transsenditaj pere de lia aparato estis redaktita en la internacia lingvo.

Petrano.

### AL HISPANOJ

Kun granda intereso mi legis la artikolojn pri la aperoj de la Sankta Virgulino en Ezquioga. Kiu povas sendi al mi fotografajojn de tiuj aperajoj? Mi por tio rekompencos. S-ro J. Bakermans, Melkweg 12, en Eindhoven (Nederlando).

### Svislanda Uniĝo de Katolikaj Radio-aŭskultantoj

Sub la alta protektado de Lia Episkopa Moŝto Al. Scheiwiler, de Sankt-Gallen, formiĝis, antaŭ ne longe, Uniĝo de katolikaj radio-aŭskultantoj en Svislando. La celo estas subteni la propagandon por la radio-telefonio laŭ speciala konsidero de katolikaj kulturpostuloj kaj defendi la interesojn de la katolikaj radio-aŭskultoj. La Uniĝo estas memstara membro de la Svislanda Katolika Popolsocieto; eventuale ĝi aliĝos ankaŭ al la Svisa Radio-Asocio kaj al la internaciaj uniuĝoj havantaj similajn celojn.

Laŭ ĝiaj statutoj la Uniĝo, kies sidejo estas en Sankt-Gallen, intencas, kun interkonsento de ekleziaj aŭtoritatoj, kaj per akiro de lertaj katolikaj laikuloj, pliriĉigi la dissendprogramojn en la senco de katolikaj kulturinteresoj; ĝi ankaŭ batalos, se necese, kontraŭ la malamikoj de Katolikismo.

La prezidanto de la Uniĝo estas Svisa episkopo. Estras la uniuĝon kolegio konsistanta el kvin personoj kaj plinombra komitato, en kiu estos rajte konsiderataj la regionajn kaj lingvajn diversecojn de nia lando. Centra Oficejo plenumos la kurantajn aferojn, la propagandon por la radio-telefonio kaj la interrilatojn inter la membroj.

Konsiderante la celojn de la institucio flanke de la rondoj de la katolikaj radioaŭskultantoj, ĝi meritas ĉiun apogon. Nuntempe la radio ja fariĝis kulturfaktoro, kiu ludas gravan rolon. Tiel ankaŭ ebliĝas por ni, katolikoj, havi influon ĉe la radio-stacioj en Svislando.

Dedelakre.

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro (*Gérant*): Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14°. - Gob. 62-71



### ENKETO

Eble legantoj de *Katolika Vivo* scias pri ekzisto de *Parva Grammatica Esperanto, cum glossario Esperanto-Latino*. Nun mi intencas fari el ĉi tiu verketo plenan Esperanto-Lernolibron en latina lingvo, precipe por seminarianoj; kontrolante en ĝi ĉiujn interrilatojn de Esperanto, se eble, kun ĉiuj naciaj lingvoj. Mi jam kolektis multon; mankas al mi informoj pri sufiksoj *eg, ing, em, um*, kaj pri korelativaj vortoj. Mi estus danka al legantoj de K. V. en kies lingvoj troviĝas ĉi tiuj gramatikaj elementoj, se ili sendus al mi poŝtkarton kun klarigoj.

Tutkore antaŭdankante.

P. Jakobo Bianchini,

Cimpello de Pordenone, Friuli (Italujo).

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia




## Pensoj de katoliko nenaciema

Stranga afero ĉi tiu mondo, kaj ankaŭ stranga la mondo katolika! Estis epoko, kiam mi senkritike akceptis la kutimojn kaj supozojn de la ĉirkaŭantoj, sed jam de kelkaj jaroj mi ne plu povas vivadi tiel senpense, mi sentas bezonon ekzameni la kredojn, kiuj instigas agojn homajn, kaj ĉiam mi trovas malfacile harmonigi tiujn kredojn kaj racion.

Ni iome konsideru Katolikismon. Unue, ni katolikoj posedas seneraran Eklezion, kiu instruas nin pri homa unueco, pri la neceso de la Amo, pri la kristanaj devoj regigi Veron kaj Justecon; aliflanke ni trovas preskaŭ ĉiujn katolikojn agantaj laŭ maniero, kiu plene kontraŭstaras la principojn instruitajn. Ĉu Naciismo estas afero de unuiĝo? Tute ne, tamen ĝin akceptas kaj vivigas katolikoj. Ĉu milito estas ama afero? Apenaŭ, sed ĝiajn apogantojn oni trovas grandnombre inter la katolikaro. Kaj kiu subtenas militon, tiu mafacile povas honori Veron kaj Justecon, ĉar Perforto konfidas en fortan armilon, ne en virtojn. Estas facile diri: « Ni uzas Perforton por defendi Justecon ». Sed tute same diras la malamiko. Kaj kiu naciisto iam konsentas esplori senpartie tiajn dirojn?

Harmonio inter Kristanismo kaj maljusta Malvero ne estas atingebla; kiel do okazas, ke multaj bonaj katolikoj akceptas militon kaj la sekvantajn Malveron kaj Maljuston? Laŭ mia opinio, la klarigo troviĝas ne en homoj sed en sistemaj kutimajoj, kiuj kvazaŭ regas la plimultajn personojn. Pro tiuj sistemoj estas apenaŭ eble kulpigi individuojn (kvankam sendube iafoje individuoj kreis ilin), ili ekzistas kaj oni kutimiĝas ilin de post infaneco. Sed ĉi tiuj sistemoj ofte ne estas justaj, kvankam oni akceptas ilin sensuspekte, ĉar ili estas longe ekzistantaj

Ni ekzamenu ekzemplon el rondo socia. Eble la plej ĉiea ero de ĉiutaga vivo estas aŭtomobilo, tamen per la aŭtomobilo venas sennombre maljustaĵoj. Nur en Anglujo pereis sur la publikvojoj, dum la lastaj dekdu jaroj, preskaŭ 1 miliono 1/2 da personoj. Ĉu la kondukanto de aŭtomobilo, kiu mortigis alian personon, kredas sin murdisto? Neniel. Ekzistas sistemo, kaj aŭtomobilisto agas laŭ homnaturo kaj en harmonio kun tiu sistemo. Antaŭlonge oni rimarkis, ke tute ordinara homo, metita kiel aŭtomobilkondukanto, tuj fariĝas danĝera aŭtokrato. Oni lernas konduki, oni sidas ĉe kondukilo kaj deziras rapidmovadon; jen persono en la vojo; oni laŭtkrias per raŭka korno, kaj la persono obeas al la ordono; iom post iom la aŭtomobilisto rigardas piedirantojn kiel subulojn, kiuj devas, je kornkrio, malplenigi la vojon; aroganta menso venas tute natute eĉ senkonscie, kaj pro trorapideco sekvas mortigoj. La kulpo troviĝas el la malbona sistemo, kiu permesas, ke privataj rapidvagonaroj (t. e. aŭtomobiloj) utiligu publikajn vojojn.

Nun turnu ni al la sistemo politika. Kiel okazas militoj, kaj kiel ili akiros al si apogon de katolikoj, kiuj konfesas, ke oni devas ne mortigi? Estas certe, ke milionoj de Japanoj, ekzemple, ne subite krias: « Ni iru por ataki Eŭropanojn ». Ĉiu milito estas aranĝata de registaroj, estas do malfacile imagi internacian militon modernan se registaro ne ekzistus. Kaj kia estas la politika sistemo, kiu ebligas militon? Estas sistemo, kiu ne amas la lumon; militoj — kiuj estas precipe publikaj aferoj — ne estas farataj de la popolo; ili estas aranĝataj de malmultoj, la « kabinetoj » kaŝeme; kompreneble *ni* estas devigataj labori sekrete, por ke la malsankta malamiko ne sciu niajn planojn; tiel diras ĉiuj. Teorie kaŝemo ne estas necese malbona, sed praktike ĝi instigas mensogon, kaj ŝtatistoj, kiuj hontus mensogi en aferoj personaj, tute ne hontas mensogante pri ŝtataj interesoj, kaj *mensogo estas la bazo de kiu dependas milito*. Estas sistemo malbona, kaj ĉi tiun sistemon katolikoj akceptas kiel aliaj. Plejparte la eklezioj — ĉu episkopoj, presbiteroj, laikuloj — estas instruitaj laŭ naciista ŝtatsistemo; sekve ni trovas, ke kiam milito estas anoncata, multaj ekleziuloj agas kiel politikistoj; ili proklamas la bonmoralon de siaj registaroj kaj parolaĉas pri la malsanktaj agadoj de la malamikoj; tiam devas Katolikismo okupi suban pozicion, unue oni konsideras ŝtatan politikon, poste aferojn politikajn. Tre klaran ekzemplon donas la ega 1914-18 milito. Laŭ la ordinaraj francaj kaj anglaj katolikoj, malnobla Germanujo [illegible] kaj eksplodigis la militon; laŭ la Germanoj kulpaj estis la Angloj, Francoj kaj Rusoj, kiuj malŝatis la povon germanan kaj serĉis militon por detrui la kreskiĝan superecon, kiun la Germanoj estis havingintaj, ktp. Kompreneble ĉiu registaro publikigis oficialan dokumenton por senkulpigi kaj montri la pekojn de la malamiko.

Ĉu persono posedas moralan rajton forigi sian de Dio donitan racion, kredante kion asertas unu partio en disputo kaj rifuzante aŭdi kontraŭdirojn? Mi kredas, ke ne; tamen tion faris (kaj eĉ post jaroj ankoraŭ faras) la plimulto de katolikoj en la diversaj batalantaj nacioj. Feliĉe Papo Benedikto XV-a paroladis laŭ maniero tute malsimila; li apogis Veron kaj bone sciis, ke peko ne estas la monopolo de ia ajn nacio, kaj li plendis por malkaŝa interkonsento kaj kondamnis la ĉiean buĉadon, sed lian justan internacian voĉon tute ne amis la naciemaj katolikoj; sekve daŭradis la milito ĝis okazis ankoraŭ milionoj da mortoj kaj alvenis « paco » bazita sur malverajo kaj sekrete aranĝita, « paco » ebligata nur per armiloj.

Se vi volas ekzameni la gravan problemon de milito, mi kuraĝas diri, ke vi trovos unu grandan baron, kiu malhelpas la alvenon de paco internacia, tio estas Patriotismo nacia. Esploru vian politikan kredon nacian, mi petas, kaj diru ĉu ĝi estas Vero; se jes, kredigu tian nacian kredon al alia nacio se eble; se ne, kial daŭre akceptas vi malverajon? « Patriotismo » estas multe uzata vorto sed mi dubas ĉu multaj personoj komprenas tute klare kion signifas la patrujo. Nacio ne estas unu intereso, sed estas kolekto de diversaj partioj loĝantaj en sama politiklando; ĉi tiuj partioj ne konsentas ordinare, sed militempe la ŝtatpovo provas supremi malkonsenton; fakte ĝi ĉiam vivas, ĉar la interesoj ekonomiaj, la politikaj celoj, la religiaj kredoj de samlandanoj ĉiam diferenciĝas, kaj nura plimulto ne sufiĉas morale kiel indiko de Justeco; se unu persono akceptas Veron kaj naŭ personoj akceptas Malveron, la plimulto ne rajtas regi la situacion.

Ĝis kiam oni klare pensos pri la Ŝtato, la nacio, racio kaj Vero, restas dubeme ĉu la tiel nomita Ligo de Nacioj povos efektivigi la forigon de milito.

John Nibb.

## La katolika gazetaro kaj la nia

La Nederlanda jurnalo *Ons Noorden*, el Groningen, represis, en sia numero de la 3 oktobro, la ĉefartikolon de Pastro Georges Ramboux: « La akso de la eŭropa paco ».

La agema ĵurnalo *La République de l'Isère*, el Grenoble (Francujo), energie daŭras sian agitadon por la reveno de la Kartusianoj en ilian faman monaĥejon de la « Grande Chartreuse ». Kaj en sia numero de la 9 oktobro la katolika jurnalo enpresis leteron de S-ro Merle, sub la titolo: « Se ili estus scipovintaj Esperanton ». Temas pri la intelektuloj, kiuj ripozis dumsomere en la de la registaro ŝtelita monaĥejo, kaj kiuj, se ili estus scipovintaj Esperanton, ne estus venintaj en tiun domon, ĉar pere de *Katolika Vivo*, ili estus taŭge informitaj pri la historio de la Granda Kartusian-monaĥejo, precipe en la lastaj jaroj.

*La République de l'Isère* ankaŭ represis, en sia numero de la 5 oktobro, informojn pri la Belga Junularo Katolika, laŭ K. V.

## Propagandu ĉien nian gazeton

## LA GRANDIOZA KRIST-MONUMENTO EN BRAZILO

En la ĉeesto de Lia Kardinala Moŝto Sebastiano Leme, ĉefepiskopo de Rio de Janeiro, Papa Legato, de la Papa nuncio kaj de ĉiuj Brazilaj episkopoj, estis inaŭgurita, la 12 oktobro, la grandioza statuo de Kristo,




La statuo de Kristo

kiu estis konstruita sur la pinto de la Corcovado-monto, kiu superas la tutan ĉefurbon de Brazilo kaj la faman golfeton de Rio de Janeiro.

La statuo de Kristo estas 30 metrojn alta kaj staras sur bazo 10 m. alta. La interno de la bazo estas kapelo, kie okazos de nun konstanta adorado de la Plejsankta Sakramento. Io kiel la « Montmartre » de Brazilo.



La Krist-monumento sur la Corcovado-monto

La tuta monumento estas la verko de la fama skulptisto Paul Landowski.

Okaze de la inaŭguro de la grandioza Kristmonumento estis dum tri tagoj solenaj religiaj festoj, pri kiuj ni esperas povi reparoli pliposte, kiam ni estos ricevintaj la raporto de nia Brazila korespondanto.

Tamen ni jam sciigas, ke tuj post la beno de la statuo, farita de la Papa nuncio, je la 19 h. 30, la tuta monumento estis elektre iluminata pere de signo sendita de S-ro Marconi per la radio-posteno de Coltano, apud Romo.

*LA KATOLIKA PACMOVADO*

## Entuziasma kunveno en Amsterdamo

**Nederlando**

La katolika pacligo en Nederlando okazigis la 26 septembro la kunvenon, kiun ni jam anoncis en antaŭa letero.

Kvankam eble la ĉeestantaro povus esti pli granda, ĝi bonege sukcesis pro la vigla entuziasmo, kiu ĝin regis.

Inter la vizitantoj ni ekrimarkis Msron Jansen, ĉefepiskopon de Utreĥto, kaj Ministron Deckers, ministron de nacia defendado. Prezidis Profesoro D-ro J. Kors, O.P., dum D-ro Gunst kaj Pastro Yves de la Brière faris la enkondukajn paroladojn. S-ro C. Goseling funkciis kiel ĉefa paroladisto. El lia parolado ni citu jenan parton:

« Ĉu la vera paco estas akirebla? Kio la paco esence estas? Por la homo, kiel centro de la tuta kreitaro, ĝi estas la ordo en tri dimensoj: la rilato kun Dio, la rilato kun la proksimulo, la rilato kun si mem. Vere oni povis paroli pri batalo kiel antaŭpreparo de la paco. Nur kiam tiu batalo finiĝas per la kompleta venko de Dio, kiel ĉe sankta Aŭgusteno, komenciĝos la garantiita paco: la ripozo en la ordo. Nur en la regno de Kristo, kiam ĝi estas fondita en la mensoj kaj koroj de la homoj, povas regi la vera paco. Ĉu ni do devas atendi, ĝis kiam la homoj perbatale akiros por si individue tiun ripozon en la ordo kaj la regno de Kristo estos disvastigita kaj starigita pli amase? Senecese plifaciligi tion per nia preĝo, nia bona ekzemplo, eĉ nia apostolado? Tiuj rimedoj povas esti ege profitaj.

Sed mi klarigu, per ekzemplo sur alia tereno, kia devas esti nia aktiveco rilate la laboro por la paco.

En la enciklo *Quadragesimo anno*, Lia Papa Moŝto diras: « Tamen oni povas diri sen troigo, ke en niaj tagoj la socia kaj ekonomia vivo estas aranĝita tiamaniere, ke ĝi estas por tre granda nombro da homoj tre grava bazo por la prizorgado de tiu ununura necesajo: « ilia eterna feliĉo. »

Nu — jen la rilato inter la laboro por la « vera paco » kaj la « senarmigado ». Ankaŭ tie ne necesas ŝanĝo de la spiritstato, de renovigado de la moraleco. Oni devas krei la kondiĉojn, laŭ kiuj la « praktikado » fariĝas ebla. En ĉi tiu rilato la malpliigo de la armigado estas la unua kondiĉo, ĉar sen tiu malpliigo daŭros ĉiam la minaco de la milito.

Pro tio la Senarmigad-konferenco 1932 staras en la fokuso de la aktiveco de la propagandistoj de la paco, certe kaj precipe de la katolikoj. »

La kunveno aklame akceptis la petskribon, kies tekston ni publikigis jam en antaŭa letero.

Daŭre de ĉi tiu monato la pacligo komencigos la kolektadon de subskriboj inter la katolikaro de Nederlando. Post la gradioza sukceso de la petskribo pere de la gazetaro nederlanda, ĝi donos refojan pruvon de la paca volo de nia popolo. Ankaŭ la katolikoj scios montri kaj esprimi tion.

J. H. Westen.

## La katolika junularo en Pollando

La Asocio de la katolika junularo en Pollando akiras pli kaj pli da graveco. En la lasta jaro ĝia anaro pligrandiĝis je 25.000 membroj.

La rondoj de katolikaj gejunuloj, kiuj nombras 5.147, sume kalkulis, fine de la antaŭa jaro, 74.407 junulinojn aliĝintajn kaj 84.388 junulojn, t. e. 158.795 membrojn.

Al tiu jam impona nombro, oni devas aldoni tiun de la honoraj membroj, de la *seniores*, de la patronatoj kaj helpatoj, kiuj ankaŭ apartenas al la Asocio de la katolika junularo. Tiel oni atingas la ciferon da 185.000 anoj.

